# KATOLIKA MONDO

Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika“ (Ika), de „Internacia katolika Esperanto Oficejo“ (IKEO)
de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), kaj de „Blanka kruco“ (Internacia misio katolika)



Numero 2. 1922/23 | II. Kolekto 1922/23


# La Papo predikas al la naciaro.

Laŭdata estu Jesu-Kristo.*)

Plej bone rimarkis Lia Eminenca Moŝto, la kardinala protektoro, ke senĉesa serio de 25 kongresoj antaŭiris la hodiaŭan, kiu nun, post longa interrompo, kaŭzita per la malĝojiga milito kun ĝiaj grandegaj revolucioj, ĉi tiu terurega al la tuta homaro sendita skurĝo de sango kaj fajro, kiel la 26a kongreso malfermas novan serion.

Ĉio, kio komencas aŭ rekomencas manifestas specialan solenecon kaj grandecon, kio estas garantio por estonto. Tial ni estas certaj, ke ni tute ne trompas nin, se la hodiaŭa festo ŝajnas al ni inda, ke ĝi altiru nian atenton kaj se ni en tio vidas kialon por plej belaj esperoj. Mi volas diri, ke per la komenco de la glora serio de eŭharistiaj kongresoj kun la graco de Dio kaj la senfina boneco de la eŭharistia koro de Jesuo tiu perfekta repaciĝo fakte devas rekomenci kaj rekomencos, kiu estas la unua kaj necesega kondiĉo por ĉiu socia renoviĝo. En la reveno de la socio al Jesu-Kristo, kaj en la reveno de Jesu-Kristo al la socio: jen tie oni devas serĉi la fonton por tia rekonstruo socia, renoviĝo, kiu estas la plej vera kaj solida substanco por ĉiu alia rekonstruado.

La homa fiero kaj la troaltiĝo de la homa spirito Jesuon forpelis kaj ekzilis el la socio en la solecajn tabernaklojn. Kaj la avida soifo je nurteraj bonaĵoj disigis, kolerigis la korojn kaj nutris la reciprokan malamon. Tuj, kiam Jesuo estis forigita el la socio, la homaro perdis la pacon. Kie trovi rimedon? En la sankta Eŭharistio, en la solena rekono de la plej sankta Sakramento, de la plej dia el ĉiuj diaj aĵoj... Tie kvietiĝas la koroj, tie sinretrovas la malamikaj fratoj: la granduloj kaj malgranduloj, sinjoroj kaj servistoj, la regantoj kaj la subuloj..

Jes, Jesuo sole povas alporti tiun pacon, kiun ĉiuj daŭre serĉas, ĉar ĝi ankoraŭ ne rekomencis... la pacon, kiun la mondo ne povas doni...

Tiun Jesuon vi invitis kaj li aŭdis vian voĉon. El ĉiuj terpartoj vi kunvenis kaj li mem ĉeestas inter vi. Forirante el la soleco de la tabernakloj li reaperas inter la homoj: kaj denove komencas la paco, la vera paco, la viva realeco de l' paco, kiun la mondo ne povas doni — kiun ĝi ankaŭ ne plu povas forpreni.

Vi estas la vera paco, vi, kiuj alvenis el ĉiuj partoj de mondo, el ĉiuj landoj, kie hieraŭ ankoraŭ estis la terura milito. Forgesinte tiun pasintecon vi nur atentas la ligilojn de la unueco, kiuj vin kunigas en la kredo kaj amo de Jesu-Kristo...

Belega flugo de la animoj, kiuj venas en ĉi tiun urbon sanktigitan per martira sango, kie Kristo fariĝis Romano, en ĉi tiun urbon, kiu estas la patrujo de ĉiuj kristanaj animoj, kie ajn ili troviĝu, kiel granda estu la distanco, en ĉi tiun urbon, kie ili elpetas la veran pacon! Do estu bonvenintaj en la domo de l' paco, paco, plena de forto kaj energio, kiel ni ĉiuj ĝin alceladas kaj pli malpli forte deziras: la unuj en plena lumo de kredo, la aliaj en iu speco de instinkto, kiu serĉas savon tie, kie ĝi estas. Verdire, ĉiuj sentas pli malpli konscie la necesecon: por realigi tian pacon, la socio devas reveni al Dio kaj Dio al la socio. Kaj Dio revenos tien. Pere de vi Li revenos: Vi malfermos al Li la pordojn de viaj animoj kaj koroj, de viaj familioj kaj patrolandoj. Ĉiuj pordoj malfermiĝos per la dolĉa forto de via kredo kaj la infitinda ekzemplo de via piemeco...

Li venas kaj regas en viaj koroj kaj pere de vi Li regos ĉie..., Vidu, Jesuo denove venis mezen de sia popolo. Ĉie, kie oni solenos estonte eŭharistian kongreson — ĉu en malgranda vilaĝo ĉu en grandega urbo, Jesuo triomfe venos en la intimon de la homa vivo, ankaŭ en la publikan vivon kaj, en brila sunlumo, en la vastan fluon de ĉiuj homaj aferoj...

Via preĝemo, via piemeco, la ekzemplo de via kredo — same kiel via pacema proksimulamo tiom alte honoris Jesuon kaj devigis la modernajn idolanojn al la konstato: Vidu, kiel ili sin amas en nomo de Jesuo — estu tiel grandaj, ke ili diru al la ĉeestantoj kaj malproksimoj, al la vivantoj kaj al la venontaj generacioj: la eŭharistia kongreso en Romo ne estis malinda al la grandeco kaj sankteco de tiu urbo, tiel kara al la sankta koro de Jesuo...

*) Okaze de malferma kunveno de la grandioza eŭharistia kongreso en Romo, Lia Papa Moŝto salutis la kongresanojn per granda parolado, direktata al la tutmonda katolikaro. Bedaŭrinde la naciaj gazetoj plej ofte silentis pri tiuj admirindegaj vortoj, kiuj ŝajnas esti gravega klarigo de la universala programo de la Papo por la moderna tempo, ni tie ripetas la ĉefajn ideojn.

## La internacia junula movado.

### I. La internacia proletara junula movado.*)

a) La socialista.

La unuaj naciaj socialistaj junulorganizoj estiĝis: 1885 en Nederlando, 1886 en Belgujo, 1894 en Aŭstrujo ktp., tiel ke ĝis la jaro 1904 en preskaŭ ĉiu ŝtato de Eŭropo ekzistis tia organizo. Jam dum la internaciaj socialistaj kongresoj en Parizo 1900 kaj en Amsterdam 1904 okazis internaciaj konferencoj de socialistaj junulorganizoj. Tiuj kongresoj tamen ne rezultigis sufiĉe konkretan sukceson. El tio oni klare vidas, ke jam en tiu tempo la socialistoj ekkonis la grandan valoron kaj necesecon de internacia kunlaborado de la diversaj landaj asocioj, por ke ili pli facile kaj pli rapide atingu la enlandan celon. 1906 estas fondita internacia oficejo havanta la taskon interligi la diversajn naciajn unuiĝojn kaj prepari la internaciajn socialistajn junulokonferencojn.

La nomita oficejo fakte la 24an de aŭgusto 1907 preparis la unuan internacian konferencon de socialistaj junulorganizoj samtempe kun la internacia socialista konferenco en Stuttgart. Ĝi daŭris tri tagojn, sed estis malmulte vizitata; entute 20 delegitoj el 13 landoj partoprenis. Kiu sen antaŭjuĝo ekzamenas la rezulton, ekkonos, ke fruktodona laboro estas farita. Oni akceptis i. a. diversajn tezojn; ili esprimas parton el la taskoj de la nacia socialista junula movado. Jen kelkaj:

Disvastigo de scio, necesa unuavice por la proletariano; fortigo de la moralaj ecoj ekz. solidareco, memregado, kuraĝo, precisego, persistemo; akcelado de la estetika sento ĉe la proletariato; flegado de la korpaj ekzercoj kaj ludoj; flegado de la internacia solidareco per disvastigo de sciindaĵoj pri junula kaj laborista movado tutmonda; batalo kontraŭ alkoholismo; batalo kontraŭ militarismo.

Kiel rimedoj por tiuj celoj estas nomitaj: okazigo de instruaj kursoj kaj paroladoj, eldono de gazetoj kaj broŝuroj, starigo de bibliotekoj, komunaj ekskursoj kaj vizitoj, formado de studaj cirkloj kaj de artaj kaj literaturaj vesperoj.

*) Kelkaj Moka-anoj jam diversfoje deziris, ke mi traduku esperant-lingve mian broŝuron „Ni katolikoj kaj la internacia junula movado“ por ke ankaŭ negermanparolantaj anoj havu okazon informiĝi detale pri la nuna stato de la tutmonda junula movado. El financaj kaj aliaj kaŭzoj nuntempe ne estas ebla, eldoni la verketon esperante, sed ni decidis publikigi la plej gravajn partojn de la broŝuro en K. M.

## Kie estas amo, tie estas ankaŭ Dio.

De Leo Tolstoj. 1

Iufoje Marteno profundiĝis en la libron ĝis la malfrua nokto. Li ĵus legis en evangelio de Luko. Li legis la sesan ĉapitron kaj ankaŭ la versojn: Al tiu, kiu frapas vin sur la vango, prezentu ankaŭ la alian; kaj de tiu, kiu prenas, vian mantelon, ne detenu vian tunikon. Donu al ĉiu, kiu postulas de vi; kaj de tiu, kiu forprenas viajn posedaĵojn, ne repostulu ilin. Kaj, kiel vi volas, ke homoj faru al vi, faru ankaŭ al ili simile.“

Kaj li legis ankaŭ pli poste la versojn, kie la Sinjoro diras:

„Kaj kial vi min vokas Sinjoro, Sinjoro, kaj ne faras tion, kion mi diras? Ĉiu, kiu venas al mi kaj aŭdas miajn parolojn kaj faras ilin, mi montros al vi, kiun li similas. Li similas al homo konstruanta domon, kiu fosis kaj profunde kavigis kaj metis fundamenton sur la roko. Kaj, kiam superakviĝo okazis, la rivero sin ĵetis kontraŭ tiu domo kaj ne povis ĝin ŝanceli, ĉar ĝi estis bone konstruita. Sed tiu, kiu aŭdas kaj ne faras, similas homon, kiu konstruis domon sur la tero sen fundamenton, kontraŭ kiu la rivero sin ĵetis, kaj baldaŭ ĝi disfalis, kaj la ruino de tiu domo estis granda.“

Leginte ĉi tiujn vortojn, Avdejiĉ fariĝis ĝoja. Li deprenis siajn okulvitrojn, metis ilin sur la libron, apogis la kubutojn sur la tablon kaj estiĝis pensema. Kaj li komparis sian vivon kun tiuj vortoj, kaj li pensis por si:

„Kaj mia domo? Ĉu ĝi estas konstruita sur roko aŭ sur sablo? Bone, se sur roko! Tiam oni estas tiel senzorga, kiam oni estas sola, kaj oni kredas, ke oni ĉion faris, kion Dio ordonis; sed se oni sin distras, oni denove pekas. Sed mi volas konstante penadi. Ĉar tio estas bone! Helpu min, Sinjoro!“

Meditante tion, li volis sin kuŝigi, sed li bedaŭris adiaŭi de la libro. Kaj li legis ankaŭ la sepan ĉapitron. Li legis pri la servisto de kapitano, pri la filo de la vidvino, pri la respondo, kiun donis Jesuo al la disciploj de Johano, kaj venis ĝis la ĉapitro, kie la riĉa fariseo invitis al si la Sinjoron, kaj legis, kiel la peka virino ŝmiris kaj plormalsekigis Liajn piedojn, kaj kiel Li ĝin pravigis. Kaj tiel li venis ĝis la dudekkvara verso kaj legis: „Kaj turnante sin al la virino, Li diris al Simono: Ĉu vi vidas tiun ĉi virinon? Mi eniris en vian domon; vi ne donis al mi akvon por la piedoj, sed ŝi lavis miajn piedojn per siaj larmoj kaj viŝis ilin per siaj haroj. Vi ne donis al mi kison, sed ŝi de la tempo, kiam mi eniris, ne ĉesis kisadi miajn piedojn. Vi ne ŝmiris mian kapon per oleo, sed ŝi ŝmiris miajn piedojn per ŝmiraĵo.“ Leginte tiujn ĉi versojn, li diris al si:

„Vi ne donis al mi akvon por miaj piedoj, ne donis al mi kison, ne ŝmiris mian kapon per oleo...“

Kaj Avdejiĉ denove deprenis la okulvitrojn, metis ilin sur la libron kaj denove fariĝis pensema:

„Tiu estis kredeble sama fariseo, kiel mi. Ankaŭ mi ja pensis nur pri mi mem, ke mi trinku teon, ke sidu en varma ĉambro kaj havu belan vivon; sed pri la gasto mi neniam pensis. Kiu estas gasto? La Sinjoro mem. Se li venus al mi, ĉu mi tiel agus?“ Kaj Avdejiĉ apogis la kapon per ambaŭ manoj kaj tute ne rimarkis, kiel li ekdormiĝis.

„Marteno!“ spiris io subite proksime de lia orelo. Marteno ekvekiĝis.

„Kiu vokas?“

Li turnis sin kaj rigardis al la pordo — neniu ĉeestis. Kaj li redormiĝis. Subite li aŭdis klare: „Marteno, Marteno! Rigardu morgaŭ sur la straton, mi venos.“

Marteno vekiĝis, eklevis sin de l' seĝo kaj frotis la okulojn. Li ne sciis, ĉu li aŭdis la vortojn dormante aŭ maldormante. Li estingis la lampon kaj foriris por dormi.

La sekvantan tagon Avdejiĉ eklitiĝis antaŭ tagiĝo, preĝis, hejtis, surfajrigis brasiksupon kaj griaĵon, pretigis la samovaron (temaŝinon), ĉirkaŭligis sian antaŭtukon kaj sidiĝis apud la fenestro por labori. Jen tiel Avdejiĉ sidas, laboras kaj pensas konstante pri la hieraŭaĵo. Liaj pensoj estas disaj: ĉu li kredu ke nur ŝajne li aŭdis tion, ĉu li fakte aŭdis la voĉon. „Nu“, li diris al si, „ankaŭ tio jam okazis.“

Marteno sidas ĉe l' fenestro, elrigardas pli multe ol li laboras, kaj tiel ofte, kiel iu en nekonataj botoj preterpasas, li sin antaŭen klinas, por vidi ne nur la piedojn, sed ankaŭ la vizaĝon. La domservisto preteriris en novaj feltobotoj, poste venis la akvisto, poste aperis antaŭ la fenestro maljuna soldato el la tempoj de imperiestro Nikolajo en flikitaj malnovaj feltobotoj, kun ŝovelilo en la mano. Avdejiĉ ekkonis lin per ĉi tiuj feltobotoj. La maljunulo nomiĝis Stepaniĉ kaj loĝis ĉe komercisto en la najbaraĵo, kiu pro kompatemo dungis lin kiel servistan helpanton. Stepaniĉ komencis ŝoveli la neĝon antaŭ la fenestro de Avdejiĉ. Avdejiĉ temperon rigardis al li kaj poste relaboris.

„Mi ŝajne idiotiĝis en miaj maljunotagoj“, ridis Avdejiĉ pri si mem. „Stepaniĉ ŝovelas la neĝon, kaj mi kredas, ke Kristo venos al mi. Tute vi idiotiĝis, maljuna onklo!“

(Daŭrigota.)

Trastudante la programon, ni vidas, ke la konferenco ĉefe okupis sin per edukaj celoj. Krom tio estas farataj raportoj pri la „ekonomia batalo de la laborista junularo“ kaj la „batalo kontraŭ la militarismo“.

La dua internacia konferenco de la socialistaj junulorganizoj okazis la 4an de septembro 1910 en Kopenhagen. Intertempe la movado preskaŭ ĉiulande faris gravajn progresojn. Jam 20 organizoj kun 130.000 membroj aliĝis al la socialista junula internacio. En tiu konferenco ĉefe estas pritraktata la eduka laboro de la socialistaj junulaj organizoj kaj la rilato de la junula organizo al la socialistaj sindikatoj; ĉeestis 32 delegitoj; kiom da organizoj — pri tio silentas la raporto. Interesa estas, ke la konferenco rifuzis aliĝon al la internacia junula oficejo. Oni ankaŭ rimarkas du partojn inter la junularo. La unua, al kiu apartenis la germanaj, francaj, belgaj kaj aŭstraj organzoj, precipe akcentis la edukadan laboron, la alia, la svedaj, norvegaj, danaj, italaj kaj svisaj organizoj, pli kaj pli akcentis politikajn taskojn.

La sekvo estis, ke okaze de sekvonta internacia konferenco la du partioj akre kontraŭbatalis sin.

La 25an de novembro 1912 samtempe kun la internacia socialista paca konferenco en Basel, okazis internacia socialista konferenco, en kiu estas reprezentata 17 nacioj per 24 delegitoj. En tiu konferenco oni decidis deklaracion esprimantan, ke la junularo de la laborista klaso estu edukata en la spirito de la socialismo. Somere 1914 estis planita la tria internacia socialista konferenco; tamen pro la eksplodo de milito ĝi ne okazis. Hanns Sappl.

(Daŭrigota.)

## La kuncentrigo de la kristanaj fortoj en la mondo.

(Fino.)

Fine ni memoras kelkajn pli spiritajn movadojn. En unua rango ĉi tie estas la „movado por kristana internacio“, iniciata post la milito precipe dum la internacia konferenco de Bilthoven, Nederlando, julio 1920. Ĝi estas preskaŭ pure spirita movado, enŝlosanta ĉiujn direktojn, kiuj bonvole alceladas radikalan kristanismon, do laŭprincipe ne nur nekatolikajn. Ĉefaj instigantuloj estis la kvakeroj kaj la amikoj de la internacia repaciĝo (fellowship of reconciliation). La movado, kiu sincere alceladas la kunagadon de ciuj vere kristanaj fratoj, favoras la radikalan solvon de la modernaj sociaj kaj porpacaj problemoj kaj montras admirindan fervoron, per krista helpo superigi la malamon en la interŝtata kaj socia kunvivo. En la devastitaj provincoj, ĉe la malsatuloj en Rusujo kaj Hinujo, ĉe la sklavigitaj Armenioj, ĉie ni trovas la helpemajn delegitojn de la movado. La membroj aniĝas al ĉiuj konfesioj kaj nacioj.

Vere rimarkinda estas la evoluo kaj agado de la protestanta „Saviga Armeo“, fondita en Anglujo de Sro William Booth. Tiu, laŭ militarista sistemo organizita armeo de vere brulantaj kristanaj misiistoj, pro sia disciplino, sia senlaca karita agado, sia misia fervoro meritas nian admiron. Laŭ la lastaj informoj, la societo, disvastigata en 70 diversaj landoj kaj kolonioj, havas 11.173 „Corps“ kaj „Outposts“ (t. e. pli aŭ malpligrandaj lokaj organizoj). Krom tio ĝi posedas kaj subtenas 1276 socialajn institutojn kaj 751 taglernejojn. Entute ĝi havas 25.000 oficirojn, kadetojn kaj oficistojn kaj 17.000 rekrutojn. Regule ĝi eldonas 82 revujon en 24 diversaj lingvoj.

La movado por intima kunlaborado tutmonda de la kristanaj eklezioj forte daŭras. Meze de aŭgusto de nuna jaro okazos la tria internacia konferenco en Kopenhagen, Danujo, por pristudi la vojojn de praktika hunhelpo. Romkatolika eklezio ne estos reprezentata.

Ĉi tiuj kelkaj traktoj jam montru, ke en nekatolikaj rondoj ekzistas viglaj kristanaj fortoj, kiujn ni sincere povas rekoni en iliaj bonaj klopodoj, malgraŭ nia laŭprincipa reservo. Mi ne kunsentas kelkajn katolikojn, kiuj opinias, ke sincera kaj objektiva rekono de la bonaj agadoj de nekatolikoj estus malutile por ni. Vivu ni laŭ la katolikaj principoj kaj nia ekzemplo ne nur alligos la ŝanĉelantajn katolikojn pli firme al l' eklezio, sed ĝi ankaŭ alportos la sinceran admiron de ĉiuj bonvoluloj! Kiel do diris la idolanoj kaj nekreduloj en Romo dum la unuaj tempoj de l' kristanismo: Vidu kiel ili sin amas unu la alian. Argus.

## La Vatikano kaj la orienta problemo.

Rusujo ŝajne estas eligita kiel agada faktoro el la tutmonda politiko. Tamen tiu ŝtato havas decidan influon per sia elementa pezo. Ĝi estas fremdaĵo en la viva organismo de Eŭropo, kiu malhelpas la bonan funkciadon de preskaŭ ĉiuj membroj. Pro tio oni devas sin okupi per ĝi. Kaj eĉ tiuj ŝtatoj, kiuj ĝis nun plej obstine rifuzis, intertraktadi kun Rusujo, estas devigitaj, ĉiam denove komenci elparoladojn.

Por ni katolikoj la vidpunkto estas klare fiksita. Rusujo posedas plej multnombran loĝantaron, el kiu ĉiu aparta persono havas nemorteblan animon, elaĉetitan de Jesuo Kristo, loĝantaron, kiu dum multaj centjaroj per fera mano estas retenata en eraro, loĝantaron, kiun oni devas rekonduki al la vera katolika eklezio. Por ni ankaŭ la animo de bolŝevisto havas senfinan valoron, eĉ la animoj de Lenin kaj Trotzky.

Ĉar ni kredas je Dia Providenco, ni ankaŭ devas kredi je ĝia efiko: Tial estas klare, ke la Providenco per siaj planoj havas fiksajn celojn. Rememoru ni la okazintaĵojn: La rusa eklezio estis bazata sur ŝtata fundamento, sur la ĉara reĝimo. Ankoraŭ dum 1914 ĉiu fakulo devis opinii, ke centjaroj estus necesaj por forigi tian enradikatan kaj komplikan reĝimon. Kaj nun? Certe granda forto estis necesa: la bolŝevismo. Depost centjaroj la ŝtato protektis la eklezion. Nun venis nova ŝtatpotenco, kiu kontraŭbatalis la eklezion:

Ĉiu aparta kristano nun devas sin demandi: kial mi estas kristano? Ĉiujn modernajn argumentojn la bolŝevismo ĵetis kontraŭ l' eklezio. El la katedroj kaj afiŝokolonoj predikis malkreduloj. La centjara ŝtata protektado igis senagadajn la eklezianojn. Oni forgesis atakon kaj defendon, lasante tion al kosaka skurĝo. Sed nun ekkomencas pliprofondiĝo de la religia spirito. Kvankam oni estis disigita de la vera eklezio, oni fiere sin apogis estinte sur la propra „ortodoksio“, konfidante je la magia forto de la liturgiaj ceremonioj. Nun disvastiĝis la skismo; nun la ŝtato forprenas la sanktajn vazojn. Kiu nun povas respondi al la malnova demando: Kio estas vereco? Ĉu eklezio ruiniĝos? Ĝi ne devas perei. Ĉar oni povas soleni la sanktan oferon eĉ en argilaj vazoj... Antaŭ sankta bildo surgenuas popolamasoj elkore preĝante — kaj de la tabernaklo, kie Dio mem ĉeestas solece, brulas la eterna lumeto ... la amikoj de Jesuo forlasis Lin.

En Galicio vivis simpla ŝuisto. Li studis la teologion. Kio al li mankis rilate intelektan komprenon, tion energio kaj sankteco alplenigis. Pro tio episkopo permesis, ke li pastriĝu. Kiel sacerdoto li pli obeis al Dio ol al homoj kaj pro tio li de Nikolao IIa estis ekzilita Sibirion. Meze de la ortodoksaj kamparanoj li solenis la sanktan meson, predikis en infana korsimpleco. La loĝantaro venis grandamase. Oni al li malpermesis la predikon: La popolamasoj venis por aŭdi lian meson. Kiel regajni Rusujon por l' eklezio? Tiu ekzemplo montras vojon...

Nun ni pli facile komprenos la interrilatojn inter Vatikano kaj bolŝevista registaro.

Malgraŭ la malnobla respondo, kiun Tschitscherin antaŭ du jaroj donis al la Vatikano, petinta por la persekutita ortodoksa pastraro, tamen la interna soifo: helpi la malsatan loĝantaron de Rusujo, forigis ĉiun heziton. Por ricevi pasportojn kaj liberan agadon de specialaj komisioj, kiuj mem devis distribui la donacojn de l' Papo, Pio XIa intertraktadis kun la sovieta registaro. Informita, ke la bolŝevistoj en pluraj regionoj ne respektas la proprajn ordonojn: liberecon de religio kaj konscienco, la Papo sin turnis al la konferenco de Genovo proponante, ke oni tri gravajn punktojn aldonu al la internacia kontrakto farota: libereco de konscienco, de religio, redono de la eklezia propraĵo (preĝejoj, ekleziaj konstruaĵoj kaj rentumaj bienoj). Ĉar la katolika eklezio ne posedas eĉ unu kvadratmetron de fundo, ni devas admiri la senegoistan agadon de l' Vatikano por utili la ortodoksan eklezion...

Kontraŭeklezia gazetaro tuteŭropa disvastigis per ĉiuj iloj la malveron, ke la Papao estus „helpanto de l' bolŝevismo“ por kontraŭbatali la ortodoksion! Bedaŭrinde eĉ katolikaj gazetoj subtenis tian agadon... v. L.

## El la internacia laborejo de la kontraŭekleziuloj.

Originala letero de nia delegito en New Zeeland (Aŭstralujo).

La sekvonta letero, skribita el la praktika vivo, denove donas mirinde klaran bildon de la energia internacia agado de la kontraŭekleziuloj. Nia juna amiko tiel klare ekkonis la absolutan necesecon de praktikata internacia kunlaborado, ke ni ĝojege publikigas la interesegan leteron:

Mi deziras helpi al katolika organizaĵo monde vasta kun delegito en ĉiu grava urbo, kies delegiteca devo estus (1) sendi al internacia gazeto katolika (Katolika Mondo) ĉiumonatan raporton pri la katolika afero en sia distrikto; (2) doni laŭ sia eblec informojn rilate katolikismon al ĉiu delegito, kiu ajn postulas tiujn; kaj (3) organizi la lokan intereson en la afero.

Rajtojn li havus du: (1) Postuli informojn rilate katolikismon de iu ajn delegito kaj (2) ricevi senpage po unu ekzempleron de la katolika gazeto „Katolika Mondo“.

En Novzelando la katolikaro estas sepono nur de la tuta loĝantaro. La ceteraj loĝantoj aniĝas al multaj diversaj religioj, tamen preskaŭ sen iu escepto ĉiuj tute netoleremaj aŭ maltoleremaj je nia Eklezio kaj tio ĝenerale pro nescio de nia kredo. Eminentuloj nekatolikoj kredas, sen propra informo, je la plej absurdaj diroj pri nia kredo. Kiam katoliko volas kontraŭstari tiajn dirojn, neniu volas lin aŭskulti. Kial aŭskulti? Oni jam de longe lernis bone, ke katoliko estas persono ne komprenebla, majstrata de tiuj pastraj strangoluloj!

Nu mi bone scias, ke tia stato estas komuna sorto de l' Eklezio en ĉiu lando. Tamen en Novzelando la popolo estas eĉ je la malsupra rango bone edukita kaj plej parte tre akirema je novscio. Laŭnature, koncerne religiajn demandojn, tiu sciakirem-

## La kontraŭeklezio.

Studoj pri la framasonaro de F. J. 1

Ĝi tiu bone organizita internacia armeo, kies forto multe pligrandiĝas per plej severa „sekreta disciplino“ havas tre interesan evoluon, pri kiu ni traktos pli posto. Pli admirinda estas ankoraŭ la metodo de la praktika agado. Ĉefa komuna celo estas disvastigadi en la mondo la nurnaturan idealon kiel fundamenton de la homara progreso. Por realigi tion, oni plej ruze kaj senhezite eluzas ĉiujn eblajn ilojn laŭ la specialaj bezonoj de tempo aŭ loko. Sed precipe ni devas akcenti, ke ilia agado laŭ la celo kaj laŭ la metodo estas absolute internacia, ankaŭ se oni la efikojn plej videble rimarkas en la apartaj ŝtatoj.

La kerno de la tutmonda agado estas la „framasonaj loĝioj. Ne ekzistas ĝisnun ekstera kunligiĝo internacia de la apartaj grandaj loĝioj. La romanaj ekz. (en Francujo, Hispanujo, Italujo, Portugalujo) estas pli radikalaj kaj revoluciemaj ol la anglaj kaj germanaj. Ili estas gvidataj per la „Granda Oriento“, nuntempe la vere internacia centro de tuta framasona agado. Loĝioj estas en ĉiuj landoj kaj en ĉiuj pligrandaj urboj. Plej ofte ili laboras senbrue, sed des pli danĝere. Ĉi tiu bone organizita kerno posedas multajn apartajn membrojn, kiuj per publika agado realigas la programon en la apartaj kulturkampoj ekz. La „Internacia liberpensula uniiĝo“ fondita 1880 (internaciaj kongresoj: Londono 1882, Amsterdamo 1883, Londono 1887, Parizo 1889, Madrido 1892, Bruselo 1895, Parizo 1900, Genevo 1902, Parizo 1905, Buenos Aires 1906, Praho 1907, Bruselo 1910 ktp.) precipe agadas internacie kontraŭ la supernatura religio kaj la kristana scienco. En la parlamentoj ĉefe la liberalo-radikalaj partioj prizorgas la aferojn de la loĝioj. Inter la laboristaro la materialismo predikas la sendian religion. Se ni mallonge resumas la agadmetodon, ni povas diri: La framasonaro agadas internacie. La diversaj loĝioj estas la spiritaj centroj. Multaj memstaraj organoj, spirite de ili gviditaj, estas al ilia dispono; la liberpensuloj, la liberalo-radikalaj partioj, la internacia scienco senkrista, la materialismo, la gazetaro ktp.

La metodo por ĉiulande progresi sukcesplene estas la sama kaj plej simpla: Unue oni klopodas okupi la plej influajn postenojn de la publika vivo: en la ministraroj, parlamentoj, administracioj ktp. por prepari kontraŭekleziajn leĝojn kaj ordonojn. Dua celo estas akiri la katedrojn de la universitatoj kaj altaj lernejoj, kie oni edukas la gvidontojn de l' popolo. Tria grava paŝo estas la „laikigo“ aŭ senkristanigo de la popollernejoj per parlamentaj leĝoj. Tiu danĝera kaj ĉiam persistega agado estas subtenata per multaj malmultekostaj gazetoj, revuoj, broŝuroj ktp.

Fine mi devas atenti je la vere detrua influo de la grandaj „liberalaj“ informagentejoj, kiuj fakte estas nevenkeblaj fortikaĵoj de la framasona ideo. Se en iu katolika ŝtato de l' mondo oni kreas leĝon, kiu ne estas tute konforma al la framasona programo pri „libereco“, tuj en la tutmonda gazetaro estas grandega bruo pri la reakcia agado de l' koncerna ŝtato. Sed kiam oni persekutas kruele la eklezion, la tutmonda gazetaro silentas: ĉar estas ja nur katolikoj!!!

Estus facile per praktikaj ekzemploj pruvi tion. Kiam ekzemple en Ĉeĥoslovakujo ekspodis la kontraŭkatolika agado, ĉiuj grandaj gazetoj (eĉ katolikaj) estis plenumitaj de troigitaj raportoj pri la granda nombro de la apostatoj, kiuj forlasinte la „sklaveman“ romkatolikan eklezion, fine retrovis la „indan“ liberecon kaj formis nacian eklezion... Sed pri la persekutoj kontraŭ la katolikoj, pri la forpreno kaj rabo de eklezioj ktp., la tutmonda gazetaro liberalista silentadis! Ĉar tio estas ja memkomprenebla kaj laŭdinda agado, batali kontraŭ romkatolika eklezio...!!

Kaj la kontraŭagado de la katolikoj? Mi ne volas esti unu el tiuj, kiuj azertas, ke ĉiu politika, sociala kaj morala malbono nuntempa venas de la judoj kaj framasonoj. Tute ne. Tiu pli aŭ malpli demagogia agado ne sukcesos. Ŝajnas al mi, ke ni juste kaj prudente devas diferenci: Sendube la framasonaro, bazita sur nurtera fundamento kaj internacie tre bone organizita, estas pro sia neo de supernatura religio la plej granda danĝero de l' eklezio. Sed aliflanke ni samtempe devas konstati, ke la framasonaro nur povis gajni tiel universan influon kaj per tio fariĝi la moderna kontraŭeklezio, ĉar ni kristanoj, ni katolikoj, ne sufiĉe komprenante la devojn de moderna tempo, preterlasis organizigi la prudentan, sur kristana pacema spirito bazitan kontraŭagadon. Ĉi tiu devas havi du formojn: la negativan: klarigi la kristanan popolon pri la vera situacio kaj defendi la katolikan kredon per ĉiuj iloj. Pli grava tamen ŝajnas al mi la positiva agado: regajni per praktikata evangelia spirito la intelektulojn kaj la laboristaron al la interna kunvivo kun la eklezio, veki kaj realigi la vere kristanan spiritton kaj en ĉi tiu spirito organizigi internaciajn helpinstituciojn, kiuj kunliginte la katolikajn fratojn de tuta mondo al plenumo de grandaj komunaj taskoj, helpas la sanktan eklezion en la plej danĝera internacia religia batalado de la moderna tempo.

(Daŭrigota.)

**La sekvonta numero detale raportos pri la kongreso en Luxembourg.**

eco estas plej profunda. Sed neniam oni unue venas al katoliko por ricevi klarigojn. La antaŭjuĝo kontraŭ la katolikoj estas tro granda. Ĉar la nekatolikoj plej parte ankaŭ pretendas esti kristanoj, sed kristanoj „protestantaj“ kontraŭ la katolikismo.

Nu, jen tia estas la situacio: Ses seponoj de ĉi-tiu popolo pli kaj pli kontraŭstaras nian religion, ĉefe per mensogoj presitaj en la ĵurnaloj. Ĝuste nun malkatolikismo militiras. Du gravaj sekretaj societoj — unu el ili kontraŭreligia, la alia kontraŭkatolika — kaj unu duone sekreta societo kontraŭkatolika faris en la lasta tempo grandajn progresojn kaj multege pligrandiĝas. Paroladistoj ĉirkaŭiras la landon klarigante al nurprotestantaj kunvenoj la diversajn malbonecojn de la „Romaĉa“ Eklezio, instigante la aŭdantaron liberigi la kompatindajn (!) monaĥinojn el ilia tro „mallarĝa“ vojo, forigi la majstremajn pastrojn, forigi ĉiujn ekleziajn lernejojn, devigi ĉiun infanon iri al ŝtata lernejo senreligia, kaj devigi ke ĉiu infano ricevu lecionon en tia lernejo el la Biblio.

Nu, kvankam oni facile komprenas, ke la ŝtataj lernejoj jam estas nesufiĉaj por la nunaj bezonoj, multaj personoj esploras la demandon, ĉu tia bona celo estas u t i l e atingebla. Oni serĉas la sperton de aliaj landoj; oni legas la ĵurnalojn, kaj la ĵurnaloj mensogas! En la ĵurnaloj oni legas, ke Rusujo estas lando tute k a t o l i k a, malsatanta pro — nenedube malbona mastrumado — de la katolikaj pastroj (!); ke Francujo regiĝas per k a t o l i k a registaro; ke la papo regas Italujon senpere kaj ke la itala reĝo estas lia pupo ktp. (!!). Antaŭ nelonge mi legis en tri gravaj ĵurnaloj lokaj la saman kablon el Londono: ke la Papa ĵus permesis al unuaj italaj preĝejoj la rajton, legi la Biblion en tiuj preĝejoj kaj oni atendas ke poste li etendos tiun privilegion al ĉiuj preĝejoj tra la tuta mondo!! En Novzelando nekatolikoj kredas, ke nenia katoliko povas legi jam la Biblion!

Sed oni serĉas, serĉas la veron; oni volas esplori la spertojn de alilanduloj. Do ni memoru, ke ĉe popolo preskaŭ tute izolita oni ofte rekonas kiel veran fakton nur tion, kion oni vidas malproksime ekster la landlimoj, fakton, al kiu oni estis blinda ĉehejme. Estas nia devo havigi al ni la eksterlandajn faktojn kiel helpiloj.

Por tia celo laŭ mia opinio estas necesa internacia katolika organizaĵo, kaj katolika gazeto. Kiam fine nekatolika novzelandano interesiĝas pri nia religio kaj li eltrovas, multaj punktoj de sia kredo pri katolikismo estas malveraj, tiam sendube venas al li la demando: ĉu eble la katolikismo de N o v z e l a n d o e s t a s s p e c i a l a speco, nekomuna kun la katolikismo de aliaj landoj. Se nur oni povus montri tian i n t e r n a c i a n g a z e t o n kun raportoj de delegitoj el ĉiuj landoj kaj diri: jen iru al nia loka delegito kun demandoj, li skribos, se vi deziras al delegito en Ĉeĥoslovakujo por demandi, ĉu estas vere, ke la tuta katolikaro de tiu lando per granda revolucio ĝoje liberigis sin de la papaj katenoj kaj nun ne plu nomas sin rom-katolikoj . . . V. D., New Zeeland.

## Internacia katolika vivo.

Feliĉe la internacia katolika vivo denove ekfloras. En plej diversaj landoj kaj sur preskaŭ ĉiuj kampoj de katolika agado sin montras esperigaj iniciatoj.

La e ŭ ĥ a r i s t i a k o n g r e s o estis sendube la plej rimarkinda signo de la interna forto katolika. Pli ol 100.000 kongresanoj alvenis per vagonaroj, inter ili pli ol 20.000 eksterlandanoj el ĉiuj partoj de l' mondo. 700.000 komuniojn oni disdonis dum la kongrestagoj. Plej grandioza demonstracio estis la sakramenta procesio. 30 kardinaloj, pli ol 400 episkopoj kaj prelatoj kaj 200.000 partoprenantoj akompanis adorante la sanktan Eŭĥaristion. Aldonu, ke Lia Papa Moŝto dum la kongreso bonvole benis kaj enkuraĝigis starigon de internacia oficejo en Romo: kaj vi povas prijuĝi la grandan gravecon de la nunjara kongreso.

I n t e r n a c i a v i r i n a m o v a d o. Samtempe okazis en Romo la internacia kongreso de „Unio de katolikaj virinaj asocioj“. Oni pritraktis tie kelkajn sociajn kaj edukajn problemojn por la virinoj. La diverseco de lingvoj kaj de organizoj apartlandaj tamen ne ankoraŭ efikis sufiĉe praktikajn rezultojn. Donu Dio, ke la unio sub la nova prezidantino bone progresu. La internaciaj taskoj de la virinoj estas grandegaj! La Papo laŭdis, benis kaj enkuraĝigis la agadon!

I n t e r n c i a m i s i a a g a d o: Okaze de la centjara jubileo de la „propagando“ tuj post la eŭĥaristia kongreso, internacia kunveno estas aranĝata por la katolikaj misioj. La kongreso finiĝis per m u l t l i n g v a „akademio“ de la alumnoj de propaganda seminario antaŭ la Papo. Preskaŭ ĉiuj lingvoj de la mondo estis uzitaj: ĉiuj eŭropaj, plue la persa, hinda, ĥina, siria, etiopia, taniela, georgia, malabara . . .!!

U n i o d e l a s t u d o j (v. K. M. II, 1) dum julio aranĝis konferencon pri katolika juro interŝtata kaj la Ligo de la nacioj.

S t u d a n t a m o v a d o. Pax Romana, internacia ligo de katolikaj studantaj unuiĝoj, 8ª ĝis 12ª aŭgusto, okazigos duan konferencon de la delegitoj el tuta Eŭropo. Precipe oni pritraktas la financan plibonigon de la Sekretariejo (Fribourg, Svisujo) kaj de la gazetoj. Preskaŭ samtempe okazos la internacia k u n v e n o de la d e l e g i t o j de naciaj junulorganizoj en H a g o, Nederlando, iniciata de la roma jnnula movado.

S e m a j n o d e l a k a t o l i k a j v e r k i s t o j en Parizo, kiu jam lastjare sin okupis per la problemo de internacia kunagado, aranĝis komence de junio ankaŭ detalan elparoladon pri la internacia katolikoagado. Laŭprincipe oni unuanime akcentuis la necesecon de internacia kunhelpo kaj oni same fervore pritraktis la Ika-movadon.

I n t e r n a c i a j s t u d o j e t n o l o g i a j: La internacia S e m a j n o p o r r e l i g i a e t n o l o g i o, fondita 1912 en L e u v e n, Belgujo per reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj misiaj ordenoj kaj sciencaj institutoj, aranĝas la unuan postmilitan kunvenon en T i l b u r g, Nederlando, la 6ªⁿ ĝis 14ªⁿ de septembro. La konferenco pristudas la tutan problemon de la moderna religia etnologio: la fundamento, metodo kaj historio de tiu scienco, la ofero, la misteraj kultoj. Plue oni precipe klopodos interligi internaciajn interrilatojn, tiel necesajn por bela ekfloro de tiu scienco gravega por la defendo de la katolika kredo. Scienculoj kaj misiistoj el ĉ i u j landoj jam anoncis sin.

L a k r i s t a n a j s i n d i k a t o j (internacia sekretariejo en Utrecht, Nederlando) fine de junio aranĝis internacian kunvenon en I n n s b r u c k, Aŭstrujo. Ĉiuj eŭropaj statoj estis representataj. Feliĉe oni povas konstati ke la movado por la kristanaj laboristoj bone progresas ĉiulande. La kengreso, bonege gvidita de la eminenta ĝenerala sektetario S e r a a r e n s, publikigis tre rimarkindan programon por nova kristana ordo socia.

I n t e r n a c i a d e m o k r a t a k o n g r e s o. Fine de septembro estos la de katolika deputato M a r c S a n g n i e r, Parizo, iniciata kongreso internacia en V i e n o, Aŭstrujo. La movado precipe alceladas kristanan pacon kaj novan socian mondordon sur bazo de amo kaj justeco.

P a l e s t i n o. Plej granda zorgo de la katolikaro pri la sanktejoj en Palestino estas necesa. Ĉiam oni diskutas la problemon de „Cionismo“ volanta, ke Palestino fariĝu juda ŝtato, kie la kristanoj povus esti forpuŝotaj. La 15ªⁿ de julio la konsilantaro de la Ligo de la nacioj volas decidi tiun demandon donante al la a n g l a ŝ t a t o definitive la „mandaton“ pri Palestino. La Apostola Seĝo per letero de 4ª junio denove adresis leteron al la nomita konsilantaro, kie ĝi plej energie postulas, ke oni protektu la kristanajn interesojn; precipe la Vatikano malrekonas la decidon, starigi religian komision kun nekatolika plimulto, kiu decidus pri la sanktejoj forprenitaj al la katolikoj. Argus.

## El ĉiuj landoj.

**I n t e r e s a s t a t i s t i k o.** La plej grandaj „katolikaj“ urboj de Eŭropo estas: P a r i z o, V i e n o, B r u s e l o, B u d a p e s t o, La lasta urbo estas la plej malperfekta rilate prizorgadon de la animoj. Proporcie apartenas al unu paroĥejo en Romo 8300 animoj, Köln (Germ.) 8920, Berlino 10.427, Milano 11.700, Bruselo 14.440, Vieno 22.500, Parizo 22.600, Budapesto 37.000. Oni tie nun volas starigi 15 novajn paroĥejojn.

**L a m e t o d i s t a p r o p a g a n d o t u t m o n d a:** Metodista pastro raportis en Chicago (Usono) okaze de metodista kumeno pri la misiaj taskoj de tiu movado en Usono. „Dum la sekvontaj 5 jaroj ni devas eduki pli ol 300 misiohelpantojn, instruitajn en pluraj lingvoj. Ni devas ilin perfekte eduki en niaj universitatoj. En Boston oni tion jam plenumis por Italoj kaj Portugaloj. En Chicago ni volas eduki Italojn kaj Rusojn, en Berea Rusojn, Ĉeĥojn, Polojn, en Salem Norvegojn, Danojn, Svedojn, en Los Angeles Hispanojn . . . Ni ne miru se tiuj apostoloj predikante tramigras la tutan mondon!!

# Karaj abonintoj!

Ĉu vi eble volas, ke Ika havu daŭran financan malutilon per eldono de „Katolika Mondo“?

Certe ne! Do pagu ĝustatempe vian abonon. Varbu novajn abonantojn, publikigu artikolojn el K. M., kolektu kaj sendu donacojn!! Precipe ni petas la amikojn el orientaj kaj mezeŭropaj ŝtatoj malaltvalutaj, ke ili libervole plialtigu la abonprezojn jam antaŭ longe pagitajn. Ekzemple se germana abonanto antaŭ sep monatoj pagis 10 g. M. por 1 kolekto de 10 numeroj: tiu sumo hodiaŭ valoras 600 aŭ. Kr. — Hodiaŭ tamen nur la preskostoj por unu ekzemplero estas 300 aŭ. Kr., s e n elspezoj por forsendo, administracio, redakcio!! Kiel do liveri 10 numerojn??

Karaj amikoj! Se vi volas ke K. M. ne nur daŭre aperu, sed ankaŭ pligrandiĝu, tiam kunhelpu agade! Nenia kapitalista grupo nin subvencias, nenia rondo oficiala nin protektas finance. Sed ni malriĉuloj kaj niaj plej parte malriĉaj amikoj en koro kaj spirito frate kaj solidare estas kunligitaj. En tio estas nia konfido.

Grandan taskon ni devas plenumi. K. M. nepre devas fariĝi vere universala tribunalo de internacia katolika agado. Pro tio kunhelpu! Pagu la aponprezon! Donacu preĝojn! Sendu monojn! Dio helpos!

NB. Kiu ne pagas ĝustatempe la abonprezon, tiu mem estas responda, se li ne daŭre ricevas la gazeton.

La Redakcio kaj Administracio.



## El la movado.

### Ika.

F r a n c u j o. Okaze de la „Semajno de katolikaj verkistoj“, kiu en ĉi tiu jaro pristudis la problemon de „laikismo“, oni aranĝas specialan elparoladon pri la i n t e r n a c i a agado de la katolikoj. Oni tre fervore citis la klopodojn de Ika kaj rekonis ĝin tute kiel egalrajtan kaj subtenindan internacian agadon. Niaj amikoj, precipe Pro B e a u r e g a r d kaj Sro M u f f a n g, nia laborema direktoro, multe varbis por Ika.

H i s p a n u j o. Malgraŭ grandaj malfaĉilaĵoj Pro M o j a d o senlace laboros por la movado. Li persone aranĝas plurajn kursojn, precipe ankaŭ ĉe katolikaj junuloj per eduki taŭgojn kunhelpontojn.

G e r m a n u j o. La grupoj en E s s e n daŭre pligrandiĝas. Per la admirinda propaganda agado de niaj amikoj precipe de Sro K l e i n, Sro H i n s e n k a m p kaj Sro S c h u h m a c h e r, la nombro de Ika-anoj estas proksimume 500. Abono de K. M. estas d e v i g a por ĉiu membro. En D o r t m u n d ĵus naskiĝas „ido“ de Essen. Ĝi bone kresku! En M ü n s t e r kaj cirkaŭaĵo Dro S t r i c k e r komencis tre viglan organizan kaj propagandan agadon. La Ika-grupo en B e u t h e n (Suprasilezio) bone progresas, pli ol 40 agadaj membroj, kiuj unuanime decidis aliĝi al Ika. K. M. estas deviga! En B e r l i n o kaj cirkaŭaĵo Sro S t i e f kolektas la samideanojn.

Okaze de tutlanda kunveno de junulaj asocioj de Centrumpartio (granda kristanó-katolika partio) en G o d e s b e r g, Dro S t r i c k e r kaj Sro K o l v e n b a c h (Düsseldorf) sukcesplene varbis por Ika kaj Moka. Unuvorte — malgraŭ kelkaj malfacilaĵoj Ika estas en bona marŝo en Germanujo.

B r a s i l u j o: koregan saluton al niaj agademaj kunhelpantoj. Tri Ika-grupojn en mallonga tempo! La unuaj en la nova mondo! Jes vi estas prava. Malrapide, sed solide! Dio benu vian laboron!

A ŭ s t r a l i o. Tre malfacila teritorio por Ika-laboro. Plej granda parto de la loĝantaro estas protestanta. La katolikoj malmulte interesiĝas pri internacia vivo katolika. Des pli multe ni laŭdas la senlacan agadon de niaj gepioniroj. Preĝu ni kaj agadu! Ni tendas al vi la fratajn manojn! Sendube la sukceso venos.

B r i t a O k c i d e n t a H i n d u j o. Per la imitinda agado de nia direktoro Pro B r o e n s en persona varbado kaj gazetara servo la ideo pli kaj pli grandiĝas. Preskaŭ ĉiumonate venas novaj aliĝoj.

L i t o v u j o. La litovaj samideanoj, kiuj nun eldonas propran gazeton „Litova Stelo“ (red. Prel. Dombrowski) fidele restas al la movado. Ke ilia nombro kresku! La registaro subvenciis la partoprenon je la Luksemburga kongreso! La tiea katolika instruista organizo katolika (prezidanto nia kara amiko Tiunjatis), aliĝis al Ika.

J u g o s l a v i o. En L l u b l j a n a formiĝas nova centro por la Ika-ideo en Slovenujo, preskaŭ tute katolika lando. Precipe niaj junulaj amikoj tie fervore laboras.

I t a l u j o. Malgraŭ kontraŭagado diversflanka tamen Ika-movado bone progresas. Multaj pioniroj de la nacia agado katolika entuziasme salutis nian agadon. Bonaj semoj, pri kies ekfloro ni raportos pli poste. Lastmomente ni ricevis la ĝojigan sciigon, ke en V e n i z o kreiĝis nova katolika grupo, nomita „Modesto Carolfi“. Lia Kardinala Moŝto bonvole benis la statutaron kaj la nove kreitan gazeton „N o v a S e n t o“. La grupo aliĝos al Ika. Plej korajn salutojn al ĉiuj samideanoj.

K. M.

### Moka.

Ĝeneralaj rimarkoj:

Kordeziro de ĉiu Moka-ano kiel ankaŭ de la Moka gvidantoj estis „propra organo“. Ni nepre bezonas internacian katolikan junulan organon pritraktante la plej gravajn problemojn de la katolika junula movado tutmonda ktp. En nia lasta broŝuro ni jam mancis la baldaŭan aperon de la 1ª numero. Dank al Dio ni estas nian kapablaj eldoni kvarpaĝan folioe enhavante la komunikojn de Moka ktp. La unua numero estos sendata al ĉiuj Moka-anoj. Nia protektoro grandanime donacis sumon por la folio kaj donis al ni sian aenon. H. S.

**Aŭstrujo.** Linz. Jam delonge la katolikoj de Supra Aŭstrio pacience toleris daŭrajn kaj publikajn atakojn flanke de kontraŭeklezia gazetaro. Fine la neaŭditaj blasfemoj kontraŭ Dio kaj la neeldireblaj mokegoj kontraŭ la Dipatrino, publikigitaj en maja monato per la socialista organo „Tagblatt“ de Linz, altgrade ekcitigis la indignon de la katolika loĝantaro.

Tial en ĉiuj parohoj de la tuta eparhio granda katolika protesto okazis je la Triunuo-dimanĉo. En preĝejoj alvokita estas la helpo de Dio per preĝadoj antaŭ la sanktega Sakramento kaj en multnombraj publikaj kunvenoj protestis la katolikoj kontraŭ la blasfemoj kaj plejenergie defendis la laŭprincipajn rajtojn de la katolika religio. La brilpunkton de la protestadoj atingis la grandioza manifestado en belega gotikstila katedralo. Multnombraj ĉeestantoj kunvenis en la plejgranda salono de l' urbo aŭskultante je la entuzmiasigantaj paroladoj pri la defendo de nia kredo. Ni katolikoj neniam ripozos batalante por niaj plejsanktaj bonoj.

P. Kamillo, O. F. M.

Vieno. La kontraŭeklezia batalo tie pli kaj pli publike eksplodas. Plej akra estas la batalo rilate la popollernejojn. Kontraŭeklezia plimulte de la urbestraro ordonis, ke la religiaj preĝoj antaŭ la lecionoj estonte estu forlasitaj kaj anstataŭigitaj per „moralaj“ tekstoj aŭ kantoj!!

**Ĉeĥoslovakujo.** La parlamento decidis novan tre gravan leĝon por la lernejoj. Dank al la energia agado de kristanaj deputatoj oni atingis, ke la religia instrado restis deviga fako kaj la „ĝenerala laika moralo“ ne estas permesata. Tamen oni koncesiis al la kontraŭekleziuloj, ke infanoj ne apartenantaj al ŝtate rekonita religio senkondiĉe estas liberigitaj de ĉia religia instruado. Rimarkinda venko de la kristanaj deputatoj — sed ĉar la nombro de senkonfesiuloj estas granda, la reidolaniĝo de Eŭropo progresas.

**Belgujo.** Je la fino de aprilo okazis la dua kongreso de la asocio por katolikaj lernejoj. Kiel absolute necesan principon la katolikoj postulas la liberecon de la privataj lernejoj kun la kontrolo flanke de la stato, plue la samrajtigon de la katolikaj privataj lernejoj kun la ŝtataj lernejoj publikaj. Hodiaŭ la ŝtato elspezas potage unu frankon por unu lernanto en privata lernejo, sed 20 fr. por unu en publika lernejo!

## Internacia poŝto.

Sro P., Polujo. Estu senzorga. Ni havas multajn leterojn Sed unue tio ne servas la pacon; due ne estas kutimo inter honestaj ĵurnalistoj sen esprima permeso publikigi privatajn leterojn.

Sro A., Londono. Jes la kalumnioj daŭras precipe en Anglujo, kie kelkaj ruze zorgas, ke tio ne ĉesu! La diablo uzas ĉiujn ilojn por ruinigi nian bele ekflorantan movadon, ŝajne danĝera al li. Sed ni forte konfidu al Dio, dirante: se nia agado estas bona kaj diovolita, ĉiuj ne sukcesos ĝin ruinigi; se tamen ĝi estas malutila kaj ne volita de Dio: ĝi ruiniĝu!! Dio helpos!

Sro St., Germanujo. Ni estas tre bone informitaj pri tiu malkaŝa agado kontraŭ ni! Sed diru: kun kiu rajto! Kiu mem estas senpekulo, ĵetu la unuan ŝtonon! Cetere diru simple: IKUE neniam ricevis definitivan aprobon de Apostola Seĝo. Tio ankaŭ ne estas ebla. Batalo kontraŭ aerokasteloj. Ĝustatempe ni faros la necesajn paŝojn. Pacienco!

Sro T., Nederlando. „Pri konkuro“ vidu K. M. II, 1. Kompreneble la Vatikano ne povas aprobi definitive ion, kio ankoraŭ ne ekzistas. Ĉu ne? Ĝi nur povas enkuraĝigi, laŭdi, beni!! Bone! Estu konvinkita, ke ni estas la unuaj, kiuj ĝojus pri bona sukceso. Certe tiu, kiu serioze komencis labori en la internacia katolika kampo, vidas, ke la teritorio estas tiel universala kaj la taskoj tiel grandiozaj, ke generacioj ne povas plenumi ĝin. Ili per tio nur montras, ke ili ankoraŭ ne komencis agadi praktike.

Sro L. Fr. Pri la dissolvo de N. C. W. C. (Usono) ni elpetis informon de kompetenta flanko. Oni legis, ke la elspezoj estis 300.000 dolaroj pojare! Kaj tio nur nacia agada centrejo. Nun pripensu la en R. proponitan Centrejon kun eble 20 diversaj lingvoj. Kiom da lertaj oficistoj ktp. Kiu trovos la monon? — Lastmomente ni ricevas sciigon, ke la sciigoj pri dissolvo ne estas veraj.

Al multaj. Kaŭze de preparaj laboroj por la kongreso ne estas eble tuj respondi. Paciencon! K. M.

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

— — — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Frant Buhr, bankoficisto, Praha-Břevnov 257, Ĉeĥosl., deziras interŝanĝi il. kartoj kaj korespondadi pri katolika movado en Ĉeĥoslovakujo.

Frant Lisý en Kladno, Stulcova 109, Bohem.-Ĉeĥosl., deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn el ĉiuj landoj.

Walter Brunner, Wien, XV., Gebr. Langg. 7, Aŭstrujo, deziras korespondadi kaj interŝanĝi postkartoj kaj markoj.

Jos. Schmidt, stud. theol., Laßnitzhöhe ap. Graz (nur dum somero), kaj pluraj kolegoj deziras korespondadi precipe kun aliaj kolegoj kaj pastroj.

S. Tijunaitis, gvidanto de katolika geinstruista unuiĝo en Litovujo kaj kunredaktoro de organo de tiu ĉi unuiĝo „Lietuvos Mokykla“ (t. e. Lernejo de Litovujo), deziras korespondadi per leteroj kun la samaj samcelanoj pri alilanda katolika instruista organiza vivo kaj popolinstruadaj aferoj kun celo ricevitajn sciigojn aperigi en litova instruista preso kaj komenci interkomunikojn kun alilandaj organizoj geinstruistaj katolikaj por alproksimigi k.t.p. Adreso: S. Tijunaitis, Kaunas, Lukŝiog. 11. Lietuva, Litovujo.

Kiu kunhelpos konstruii preĝejon en la vilaĝo Wisterschan apud Teplitz-Schönaŭ, Ĉeĥosl. Por monsendu akleptu nian antaŭdankan. Theodoro Heiserholt, kateĥisto, Teplitz-Schönaŭ.

Sro Emil Pfohl en Arnaŭ, Bohemujo (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj ĉiuj landaj. Mi ankaŭ kolektas bildkartoj kaj poŝtmarkoj; respondon certe.

Ĉiuj samreligianoj, kiuj sendos ĉ. 30—50 poŝtmarkojn maloftajn de sia lando, certe ricevos same tiom da belaj hungaraj poŝtmarkoj. Popp Zoltan, Miskolcz, Szentpéteri kapu 29/a, Hungario.

Sro W. Mudrak, Wien, XV., Gebr. Lang-Gasse 7 (Aŭstrujo), deziras korespondadi kun samideanoj el la tuta mondo pri mondpaco (germane, ĉeĥe kaj esperante). Mi respondas certe.

Sro Anatolio Volohov en Tambov, Kambarovskaja 48 (Rusujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj dri diversaj temoj.

Sro Heinrich Rhein, Mainz (Germanujo), Hopfengarten 4, interŝanĝas poŝtmarkojn kun samideanoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Valoro laŭ Senf aŭ Michel.

Sro A. Marinovič, VI, zandarm. brigade Split, Dalmacija (Jugoslavujo) deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj.

Sro Pedro Juarez Cano, Santa Clara, Apartado 148 (Cuba), deziras interŝanĝi poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojn kun samideanoj el la tuta mondo. Li sendas de Cuba.

Sro Józef Bulski, Warszawska 59, Częstochowa (Polujo), deziras korespondadi per poŝtkartoj ilustritaj kaj interŝanĝi gazetojn kaj poŝtkartojn ilustritajn (bfl).

Poŝtmarkkolektantoj atentu! Mi interŝanĝas poŝtmarkojn kun la tuta mondo, sendu al mi poŝtmarkojn kaj mi ankaŭ sendos belajn hungarajn poŝtmarkojn. Németh László, Miskolcz, Minorita rendház, Hungario.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun kolektant(in)oj de poŝtmarkoj kaj kartoj ilustritaj. Sro Kazimierz Welz, seminariano, Seminario, Pomoranujo, Polujo.

Estro de la 3a ordo de s. Francisko deziras sciiĝi pri la agado kaj disvastiĝo de l' ordo en aliaj landoj. Frideriko Stelkens, Breberen, poŝto Gangelt (Rheinland), Germanujo.

Aŭstralio: Korespondadi deziras kun katolikaj samideanoj ĉiulandaj l., p. K. p. m. Patrik Leahy, 36 Royal st., East Perth, West-Aŭstralio.

Mi deziras korespondadi kun seminarianoj de la tuta mondo. Joan Font Giralt, stud. teol., Ĉefdelegito de Moka. Seminario. Girona (Hisp.-Katalunujo).

Sro J. Bernhard, München 12, Guldeinstraße 32/I R. — deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn (prefere preĝejoj, monumentoj) bfl. Poŝtmarkojn (mi ne sendas antaŭe) kun la tuta mondo.

## Atentu! Novaj abonprezoj.

La daŭra senvaloriĝo de aŭstra, germana ktp. valutoj postulas plialtigon de abonprezoj por la koncernaj landoj; alie danĝeriĝus daŭra apero de K. M. La kondiĉojn por altvalutaj abonintoj ni klopodas plibonigi laŭpove: La prezoj por dua kolekto (11—20) estas jenaj:

Altvalutaj ŝtatoj: Svisujo, Hispanujo, Anglujo kaj similvalutaj ŝtatoj: 4 fr., p., ŝ. ktp. Usono kaj s. v. ŝt.: 1 d.

Kiu mendas al unu sama adreso 5 (10) kolektojn, ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 5 novajn abonontojn ricevas unu kolekton senkoste.

Mezvalutaj ŝtatoj: Francujo, Belgujo kaj s. v. ŝt.: 5 fr.; Italujo, Jugoslavujo kaj s. v. ŝt.: 6 l., d.; Ĉeĥoslovakujo, Romanujo kaj s. v. ŝt.: 10 ĉ. K., lev ktp.

Kiu mendas 10 (20) kolektojn por unu sama adreso ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 15 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senkoste.

Malaltvalutai ŝtatoj: Germanujo, Baltikaj ŝtatoj: 30 g. M.; Polujo, Hungarujo: 300 p. M., h. Kr.; Aŭstrujo: 1000 aŭ. Kr.

Kiu mendas 30 kolektojn por unu sama adreso aŭ varbas almenaŭ 25 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senpage.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.

**Oni ne pagu per poŝtavizoj!!**



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria“, Graz.